No. 2. Novembro 1950 3a jaro

# BULTENO



de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj



Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam

## LA VOJO AL NIA CELO

Ju pli ampleksiĝos nia Federacio des pli da zorgoj ĉirkaŭos nin. Tion ni povis konstati en nia lasta kongreso. Mi spertis, ke ĉiu partopreninto deziras la plej bonan por nia movado; montriĝis en Salzburgo kaj ankaŭ en Aarhus, ke la amo kaj entuziasmo por nia organizo apenaŭ estas sondeblaj. Nome de ĉiuj ni tutkore dankas la tieajn gekolegojn, al kiuj ni volonte atribuas la sukceson, ĉar el propaganda vidpunkto ambaŭ kongresoj estis sukcesplenaj.

Por konduki organizon en bona direkto ni tamen nepre bezonas, krom la amo kaj entuziasmo, ĉies efektivan kunlaboron. Tio ne nur validas por la landaj sekciaj estraranoj, sed ankaŭ por ĉiu individua membro. Ni ne malatentu tion kaj ni bone konsciu, ke nia juna organizo ankoraŭ ne estas perfekta. Ni unue do klopodu bone kompreni la strukturon de IFEF, kiu sendube por ĉiu el ni estas akceptebla, sed plej grave estas, ke la landaj organizoj kaj la izolaj membroj adaptiĝu al ĝi. Per tio ni evitas miskomprenon, kiu forrabas parton de nia tempo dum la kongresoj. Kiel dirite, nia organizo ankoraŭ ne estas perfekta, kaj volonte ni akceptis la kritikon de diversaj flankoj pri mankoj. Tiu kritiko estis ĝenerale ĝusta, kaj nia nura senkulpigo estas, ke la IFEF-estraro disponis kaj ankoraŭ disponas pri primitivaj rimedoj. La konstrua kritiko flanke de la gemembroj donis fruktojn. Kvankam la estraro jam delonge sentis la mankojn, la kritiko tamen finfine decidigis nin eldoni presitan organon en eldonkvanto de 700 ekzempleroj. Tio signifas, ke ni dissendos en unu jaro 4200 ekzemplerojn en la mondon. Per tio ni forigis en unu frapo kelkajn mankojn, sed tio samtempe pligrandigis la zorgojn de nia kasisto. Mi klopodis trankviligi lin per nia opinio, ke niaj entuziasmaj gekolegoj en IFEF certe estas pretaj oferi kelkajn monerojn por kovri la altajn kostojn. Jam nun ni kore dankas la donacintojn, ĉar verdire ni jam ricevis la unuajn monhelpojn, kaj promesojn pri financaj subtenoj. Pri tio vi povos legi en nia bulteno.

Niaj membroj do nun posedas la deziratan interkontaktilon, kaj nun povas esti precize informataj pri la vivo en nia organizo, en la landaj sekcioj, kaj pri la artikoloj en la gazetaro pri IFEF. Krome nia organo ebligas al ni prezenti la tagordon kaj la proponojn pritraktotajn dum niaj kongresoj. Ni faris la unuan paŝon sur nova vojo, sed tute kontentaj ni ankoraŭ ne estas. Nia organo ne estas ankoraŭ sufiĉe ampleksa, sed urbon oni ne konstruas en unu tago. Ni do nun agadu por nia organizo, por Esperanto, por ke ni iam trovu rekompencon en formo de sana, perfekta interhelpa aparato. Pere de nia aparato ni povos ludi gravan rolon por enkonduko kaj oficialigo de Esperanto en la tuta mondo. Obstine ni daŭrigu nian laboron por la bono de IFEF speciale por la bono de la tuta esperantistaro ĝenerale.

La Prez. de I.F.E.F.

## KONGRESO AŬ TURISTALLOGO

Post la reveno de la kongreso en Salzburg mi iom meditis pri la okazintaĵoj, sukceso kaj rezultoj de la kongresaj laboroj. La turista flanko de la kongreso bonege sukcesis, kaj ni ŝuldas dankon al la OKK pro la granda prepara laboro, kiun ĝi faris, por ke ni ne forgesu la restadon en Salzburg. Ĉiu partoprenintoj nepre estas kontentigita koncerne la distran flankon de la kongreso.

La dua flanko de la kongreso estas la ĝeneralkunveno. Multaj el la partoprenintoj tute ne estis informataj pri la laborkunsidoj, kaj tial nur malmultaj krom la deligitoj sciis ion pri la traktotaj temoj de la kongresa tagordo.
Eble oni povas diri, ke estas nur la deligitoj, kiuj rajtas partopreni en la diskutoj kaj rajtas voĉdoni. Sed, ĉu ni rajtas agi tiel ? Ŝajnas al mi, ke tio estas tre grava afero, kiu havas senliman signifon. Ĉiujare venas novaj adeptoj al nia kongreso; ili estas interesigitaj pri nia movado en la landaj rondoj, kaj venas por kontakti kun la internacia movado dum la kongreso, kaj por konstati, kion la kongreso faras, faros, kaj faris. Ili venas en la kongresejon, aŭdas la prezidanton voĉlegi la tagordon kaj klopodas sekvi la traktadon kaj debaton. Unu kuraĝas peti la parolon, ĉar li opinias, ke li povas diri ion konkretan, sed tuj la prezidanto diras: * Ĉu vi estas deligito ? Nur deligitoj rajtas paroli*. Li embarasiĝas, kaj post momento li foriras; aliaj sekvas kaj baldaŭ restas nur la deligitoj.
Tiel bonvenigi la novulojn nepre estas malsaĝe, ĉar tiukaze ili tuj forlasas nian vicon kaj oni nu plu vidos ilin.
Do, tial estas necese, ke ĉiuj membroj povu partopreni la laborkunsidon, kie ili ricevu la skribitan tagordon, por povi kompreni, pri kio oni debatas. Ili ankaŭ havu parolrajton, sed nur la deligitoj havu voĉonrajton.

Estas necese, ke ni profunde diskutu la problemojn kaj ne lasu la taskojn al la estraro aŭ al aliaj.
Ĉijare nia laborkunsido daŭris nur mallonge, kaj oni miris ke internacia organizo vere ne havas pli da problemoj kolektitaj dum tuta jaro.

Estas komprenebla afero, ke ni ĉiuj deziras vidi kiom eble plej multe, kiam ni venas al fremda lando, ĉar ni ja ne povas vojaĝi laŭplaĉe pro manko de mono kaj libertempo, sed tial ni tamen ne rajtas forgesi nian devon koncerne nian movadon, kiu ankoraŭ estas ĝermo, kiun ni bone flegu, por ke ĝi ne sovaĝe kresku.
Tial estas necese, ke dum la kongreso la novuloj - deligitoj de nove aligitaj rondoj, izoluloj kaj aliaj membroj akiru informojn pri la laboro en la diversaj landoj, eble per prelegoj aŭ raportoj kaj demandado.
Eble kelkaj opinias ke oni povas legi pri tio en skribitaj raportoj. Mi opinias ke ne; ĉar la persona kontakto kaj diskutoj ĉiam donas pli multe da intereso pri la temoj, kaj oni pli ĝuste povas aktualigi demandon, pri kiu oni deziras aŭdi la opinion de alinaciuloj. Tial mi pensis, ke estas eble doni al nia kongreso pli da karaktero de vera kongreso, en kiu oni intertraktas pri temoj diskutindaj, tiel ke la partoprenintoj povas vojaĝi hejmen kun novaj impulsoj, ideoj pri propagando kaj multe da sperto koncerne la praktikan flankon de Esperanto. Ni ne rajtas kaŭzi ke ili sentas sin superfluaj individuoj, kaj ni ne faru niajn kongresojn nuraj turistaj allogoj. La partoprenantoj devas scii, ke ili ankaŭ havas la devon partopreni la laboron, kiam ili anoncas sin kiel kongresanon.

J.C.

**Noto de la redaktoro**

*Ni volonte donis lokon al ĉi tiu averto de nia amiko J.C., precipe tial, ĉar el la artikolo respeguliĝas la amo por nia organizo kaj la deziro kreskigi ĝin ankaŭ kvalite.*
*Nu, la plej grava problemo jam solviĝis per tio, ke de nun ĉiu ano ricevos nian bultenon en kiu ni povos siatempe publikigi la proponojn kaj la tagordon de la laborkunsidoj. Kiam do ĉiu landa rondo komprenas sian devon, ĝi okazigu kunvenojn antaŭ nia kongreso. En tiuj kunvenoj ĉiu partoprenanto parolu, paroladu, ĝis kiam oni definitive interkonsentis pri la neceso, defendi aŭ ataki eventualajn proponojn. Tiun taskon oni komisiu al la plej kompetentaj, la delegatoj, por ke niaj laborkunsidoj ne estu fuŝataj de ĉiu ajn, kiu paroladas multe, dirante malmulte.*

## IMITINDA EKZEMPLO

La 9an de septembro parolis antaŭ Radio Wien Sinjoro Hanns Flasch (Germanlingve) kaj nia amiko Josef Zink ( Esperantlingve) En bonega parolado ili propagandis por IFEF, menciis pri nia nova bulteno kaj pri la komitato por krei fervojistan Esperanto-terminaron sub gvido de sinjoro Pape. Per klaraj ekzemploj ili lumigis la celon kaj utilon de nia juna organizo. Por pruvi la sciencan kaj poezian evoluon en niaj rondoj, ili atentigis pri la verkoj de nia Aŭstra kamarado Alois Ramschak kaj nia Slovaka amiko Stefan Seemann, kies lastan plumprodukton ni prezentas ĉi sube.De la komenco ĝis la fino la parolado spiris entuziasmon kaj idialismon por nia komuna laboro.

## KANTO PRI LA FERVOJISTO

1
SUR RELPAR'EN VASTA MONDO,
KANTAS RADOJ DE LA TRAJN':
FERVOJISTO, FERVOJISTO,
ESTAS HOM'NE KIA AJN!

2
LI PER ESPERANT'FRATIĜAS
TUTA MONDO KONAS LIN.
SUB FLUGILRAD'AMASIĜAS,
KAJ SUB STEL'KUN PINTOJ KVIN.

3
LI PER RELRUBAND'KUNLIGAS
LANDOJN DE LA GRANDA MOND',
VERDSTELANOJN AMASIGAS
PER LA TRAJN'AL FRATA ROND'!

4
FERVOJISTO, FERVOJISTO,
ESTAS HOM'NE KIA AJN;
SUR RELPAR'EN VASTA MONDO,
KANTAS RADOJ DE LA TRAJN'.

## SUBVENCIOJ POR NIA NOVA IFEF-BULTENO

Estas por la IFEF-estraro ĝojige povi komuniki en nia organo,ke la fervojista sindikato en Nederlando: *De Nederlandsche Vereniging van Spoor- en Tramwegpersoneel* en estrarkunveno decidis ĉijare doni subvencion al IFEF de 25 guldenoj por kovri la kostojn por nia nova Bulteno. Tiun ĉi geston flanke de la sindikata movado kiel simpatiesprimon por nia laboro inter la fervojistoj diverslandaj ni alte taksas. Estas la unua fojo, ke unu el la gravaj fervojaj instancoj finance subtenas nian organizon internacian.
Afable ni petas al la landaj sekretarioj kaj al la izolaj membroj el ĉiu lando sendi dankesprimon al jena adreso:
Al la ĉefestraro de la Ned. Ver. van Spoor en Tramwegpers. N.V.-Huis, Oudegracht 245, Utrecht, Nederlando.
La landaj sekretarioj estas do afable petataj helpi al ni fekundigi nian propagandan terenon. (poŝtkarto sufiĉas).

*Kun danko ni kvitancas la jenajn subtenojn po nia bulteno:*
B.S.Agren,Trelleborg, Svedio f.8.80;J.Joubeaux, Parizo, Francio f.1.00 T.P.Brown, Harpenden, Anglio f.0.20; L.Schölenbauer, Linz, Aŭstrio f.0.20; E.Keiser, Basel, Svisio f.0.60; J.Lok, Amsterdamo f.2.50; J.Vermeulen, Amsterdamo f.0.25; Svisa kolego en la FERN-kongreso en Rotterdam f.3.00; kolektado en la sama kongreso f.2.30; K.v.d.Schulp, Dordrecht, Nederlando f. 1.00.

*f: signifas: ned.guldeno.*

## EL LA GAZETARO

En L'Essor de l'Esperanto, franca gazeto, aperis artikolo kun bildo de la diverslandaj deligitoj pri la 2a IFEF-kongreso en Salzburgo.
Sama artikolo aperis en * Franca Esperantisto * kaj en la fervojista gazeto *Arts & Tourisme*.

En la Nederlanda Sindikata gazeto Fervojista *Weekblad * aperis artikoleto pri la novaj kursoj kun la nomo kaj adreso de la sekretario de nia Nederlanda IFEF-sekcio (FERN).
En *Nieuw Spoor*, ĉiumonata organo de la Nederlanda Fervoja Kompanio, aperis artikolo pri nia kongreso en Salzburgo.

En *jernbane-bladet, la Dana fervojista organo, aperis kompleta raporto pri nia 2a IFEF-kongreso en Salzburgo (Danlingve).

La Franca IFEF-sekcio ( FFEA ) aldonis al sia landa organo la kompletajn kongresraportojn pri nia 2a kongreso. (imitinda ekzemplo).

El Aŭstralio ni ricevis fervojan hortabelon.

En *Signalen* de la 8a de julio, la Sveda sindikata gazeto de la fervojistoj, aperis artikolo pri la 2a IFEF-kongreso en Salzburgo.

*Der Eisenbahner*, Aŭstrio, raportas en Esp-rubriko pri la Fervojista Esperanto-fakgrupo, kaj germanlingve atentigas siajn membrojn pri la ĉijaraj Esperanto-kursoj.

La muzikistaro de la Nederlandaj Fervojoj en Utrecht intertraktis kun fervoja muzikistaro de la S.N.C.F. en Francio pri reciproka vizito en 1951. Dum tiu ĉi internacia kontakto anoj de la Utrechta Fern-grupo interpretis. Oni entuziasme eklaboris por prepari la internacian kontakton. Danke estis akceptata la propono de la FERN-grupo por lerni Esperanton kun la tuta muzikistaro. Ankaŭ la francaj muzikistoj decidis lerni nian lingvon, kaj apliki ĝin.
(El la organo de la Asocio de fervojaj distraĵo-unuiĝoj en Nederlando)
Noto de la IFEF-sekretario:
Estas publikiginde ke la IFEF-estraro kreis ĉi tiun kontakton.

La Direktoro de la Danaj Fervojoj ebligis al la personaro gvidi Esperanto-kursojn dum la deĵortempo, konservante la plenan salajron. Krome la Direkcio pagas la duonon de la kostoj por sekvi skriban Esp-kurson.
(El la gazetarservo de la Asocio de Lab. Esperantistoj en Nederlando.)

Al la AKADEMIO DE ESPERANTO, SEKCIO BIBLIOGRAFIO, Direktoro D-ro PAUL NEERGAARD, Gotersgade 158, Kopenhago K, estas eble sendi eventualajn bervolaj kontribuaĵoj de la Esperantistaj organizoj.
Sendu viajn subvenciojn al ĉisupra adreso.

## DEZIRAS KORESPONDI

**Japanio**
Naosuke Nobuki, Karube Kiyone-mura, Tsukubo-gun, Okayama, kun kolegoj en la tuta mondo.

**Nederlando**
Juna hejtisto, kun kolego en Aŭstrio. Skribu al la sekretario de IFEF.
Chr.W.Kock, 35 jara, 2e Nassaustraat 15 III, Amsterdam-W.
D.H.Meyer, 34 jara fraŭlo, Ruyschstraat 92 III, Amsterdam-O.
J.v.d.Hert, 41 jara, Zwaagstraat 22, Amsterdam-N.
K.v.d.Schulp, v.Blankenburgstraat 66, Dordrecht, serĉas kontakton kun ekzamenistoj de aĉetotaj fertraboj por fervojkompanioj, kaj kun kolegoj laborantaj en kreozotumejoj.

**Svislando**
Cäsar Rauber, trajnestro SBB, Josefstrasse 55, Zurich 5, kun franca kolego (konduktoro, trajnestro aŭ fervojoficisto).